XII^a jaro. N° 181 (9) ⭑ Monata ⭑ 5 septembro 1915

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Ordinara eldono . . . . . . . . 5. — Frankoj (2. — Sm.)
Luksa eldono . . . . . . . . . 6. 25 Frankoj (2. 50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1^a de ĉiu monato*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . 0.40 Fr. (0. 16 Sm.)
Korespondado (1 enskribo) . . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

TEKSTO



## NUNTEMPAĴOJ

## LA PACPROBLEMO

# NOVAJ VOJOJ

III

Resumo de la antaŭaj artikoloj: Ekzameno de la vidpunkto, kiu dependigas la solvon de la pacproblemo el individua aŭ socia transformiĝo, religia, ekonomia, politika aŭ kultura. Tiu vidpunkto malatentas la veran karakteron de la pacproblemo, kiu estas precipe politika kaj jura. Trarigardo de la materiaj kaj spiritaj kondiĉoj necesaj por la starigo de nova ordo internacia.

### *La pacifistaj solvoj*

Forjetinte la absolutajn doktrinajn solvojn, ni nun povas ekzameni la proponojn de la pacifismo, kiu substrekas la politikan kaj precipe juran karakteron de la problemo. Kvankam ofte malsamaj pri detaloj, la pacifistoj estas unuanimaj rilate al la fundamenta principo de sia celado, t. e. la juĝado de ĉiuj interŝtataj konfliktoj per arbitracio. Krom tio aperas en ilia agadprogramo aliaj postuloj, ekzemple: neniu aneksado kontraŭ la volo de la enloĝantoj, limigo de la armadoj, nuleco de la sekretaj traktatoj, malpermeso de ĉiu ataka aŭ defenda kunligo, senkaŝa diplomatio, libera komerco en la kolonioj, k. t. p.

Ni momente lasu flanke tiujn proponojn, kaj okupu nin pri la arbitracia demando, kiu estas la kerno de la pacifisma celado.

Kio estas arbitracio? Oni povas ĝin difini la juĝo pri malkonsento per tria persono elektita de la kontraŭuloj. En la internaciaj aferoj, la arbitracio estas procedo uzata de la ŝtatoj, kiuj interkonsente petas iun (personon, registaron aŭ tribunalon) por decidi per juĝo, kiun ili promesas akcepti, ĉu pri difinita malkonsento, kiun ili ne povis solvi per senperaj traktadoj, ĉu pri fiksita speco de malkonsentoj, ĉu pri ĉiuspecaj eventualaj malkonsentoj. En la unua okazo oni ĝin nomas arbitracio okaza; en la du aliaj, arbitracio konstanta. Tiu ĉi povas esti fiksata per du specoj de traktatoj: 1^e Kiam du ŝtatoj kontraktas pri iu ajn temo (ekzemple, traktatoj pri komerco, literatura kaj industria proprajo, ekstradado, k. t. p.), ili povas fiksi, ke ĉiuj malkonsentoj pri la interpretado kaj aplikado de la traktato estu juĝataj arbitracie. 2^e Du ŝtatoj povas konkludi ĝeneralan arbitracian traktaton, laŭ kiu ili promesas juĝigi arbitracie ĉiujn eventualajn konfliktojn pri kiu ajn temo. Tamen, preskaŭ ĉiuj ĝisnunaj tiaj traktatoj esceptigas el arbitraciebleco la demandojn pri honoro, vivinteresoj kaj sendependeco de la kontraktintaj regnoj.

La arbitracia procedo, ĉu en specialaj, ĉu en ĝeneralaj aplikoj, estas konata kaj uzata jam de antikva tempo. Ekzemple, en la jaro 418 antaŭ Kristo, la Konfederacioj de Argoso kaj Sparto en Grekujo konkludis traktaton, laŭ kiu ili promesis arbitraciigi ĉiujn okazeblajn konfliktojn, eĉ pri landolimoj. Oni rimarku, ke tiu ĉi traktato estas pli ampleksa ol la modernaj konvencioj, kies restrikcioj ebligas al la ŝtatoj ne prezenti al arbitracio la gravajn teritoriajn demandojn. Sed precipe en la dua parto de la XIX^a jarcento kaj en la komenco de la XX^a, plimultiĝis la arbitraciaj kondiĉoj kaj la arbitraciaj traktatoj. Multaj internaciaj traktatoj enhavas arbitracian kondiĉon. Plie, ĝis 1915 estis konkluditaj 197 interŝtataj arbitraciaj traktatoj. En 1907, la unua Haga Pac-Konferenco akceptis i. a. konvencion por la paca reguligo de la internaciaj konfliktoj; krom tio, por plifaciligi la

uzadon de tiu procedo ĝi starigis Konstantan Arbitracian Kortumon, kiu ĝis 1915 decidis pri 15 konfliktoj. Ĉe la dua Haga Konferenco (1907) estis ellaborita konvencio pri deviga arbitracio, laŭ kiu la ŝtatoj promesis arbitraciigi ĉiujn konfliktojn, krom pri sendependeco kaj nacia honoro, sed ne povinte atingi unuaniman konsenton de la ŝtatoj, tiu konvencio restis projekto. La pacifistoj esperis, ke kun la tempo kaj la sperto, la ŝtatoj kutimiĝos uzi tiun proceдon, kaj venos tago, kiam inter ĉiuj regnoj estos konkludata ĝenerala deviga arbitracia konvencio sen limigo. La laŭvola kaj limigita arbitracio estis konsiderata kiel paŝo al senlima deviga arbitracio.

La arbitracio pri interpretado aŭ aplikado de internacia konvencio povas esti praktika juĝprocedo, sed rilate al la pacproblemo ĝi ne estas grava. La internaciaj traktatoj ĝenerale rilatas al juraj aŭ teknikaj demandoj, kiuj, kvankam gravaj en si mem, ne elvokas militojn. Eĉ sen arbitracio tiuj demandoj estus solveblaj diplomatie, eble multe malpli rapide, sed tamen sen sangoverŝado.

La graveco de la ĝisnunaj arbitraciaj traktatoj ne devas esti trotaksata. Ilia nombro ŝajnas alta, sed se oni atente ekzamenas ilian nomaron, oni konstatos, ke preskaŭ ĉiuj traktatoj estis konkluditaj ĉu inter ŝtatoj politike amikaj, ĉu inter ŝtatoj, kiuj pro nenajbareco ne povus intermiliti. Ekzemple, en la lastaj jaroj, Francujo kaj Britujo politike interkonsentis; sekve de tio, estis konkludita inter ili arbitracia traktato, kiu cetere enhavas la kutimajn limigojn. La traktato inter Argentino kaj Ĉilio, pri kiu oni multe parolis, sekvis la politikan alproksimiĝon, kiu ebligis la solvon de la teritoriaj konfliktoj inter ambaŭ landoj. En tiuj okazoj, la arbitracia traktato tute ne estas la kaŭzo de amikiĝo, sed la konsekvenco. Kiam du ŝtatoj sukcesis diplomatie forigi certajn malkonsentojn, ili ofte subskribas arbitracian traktaton, kiu fakte estas kvazaŭ konfirmo de la politika reakordiĝo.

La aliaj traktatoj estis konkluditaj inter ŝtatoj, kiuj sekve de la geografiaj kondiĉoj ne havas okazon por grava politika malkonsento; tiaj estas ekz. Svisujo kaj Ĉilio, Danujo kaj Nederlando, k. t. p. Oni allasos, ke eĉ se ili tion dezirus tiuj ŝtatoj ne facile povus intermiliti! En tiuj okazoj la arbitraciaj traktatoj ne garantias la pacon, kiu eĉ sen tio ne povus esti rompata.

Aliparte oni ne forgesu, ke preskaŭ ĉiuj traktatoj forigas el la arbitracieblеco la konfliktojn, pri kiuj la registaroj opinias, ke ili koncernas la honoron, la vivinteresojn aŭ la sendependecon de la nacio. Tiuj limigoj estas ekstreme gravaj. Ili fakte signifas, ke la ŝtatoj konsentas arbitraciigi nur la negravajn malkonsentojn, kiuj eĉ sen la arbitracia juĝo ne eligus la glavojn. Efektive, neniam militoj fariĝis pro nura malkonsento pri interpretado de formala juro; je ilia origino ĉiam troviĝas politika malkonsento, t. e. demando [illegible] influo. Nu, ĉian similan demandon la ŝtatoj tre facile [illegible]s malsubmeti al arbitracio, asertante, ke ĝi koncernas [illegible]onoron, la vivinteresojn aŭ la sendependecon de la nacio. Tiel agos la partio, kiu sin kredas la pli forta, kaj sekve konjektas, ke ĝi atingos pli multe per la impono de sia forto ol per arbitracio.

Cetere, nenio estas pli elasta kaj malpreciza, ol la supraj esprimoj? Kio estas nacia honoro? Tre malfacile difinebla koncepto, ĉar en la daŭro de la historio, plej malsamaj kaj kontraŭaj agoj estis plenumitaj en ĝia nomo. Plej ofte ĝi signifas: ne cedi, kiaj ajn estas la pravigoj de la kontraŭuloj. La esprimo „vivinteresoj“ estas ekstreme oportuna, ĉar ĝi permesas al unu el ambaŭ partioj rifuzi la arbitracion laŭ ĝia plaĉo; por tio sufiĉas, ke ĝi aljuĝu al la konflikto „vivinteresan“ gravecon. Nuntempe la milito estas tia operacio, ke neniu ŝtato kuraĝas ĝin riski pro bagatelaĵoj. La sangaj konfliktoj okazas do nur kiam ŝtato, prave aŭ malprave, opinias, ke ĝiaj vivinteresoj estas minacataj. Ĝuste en tiu okazo la arbitracio ne povas utili. Fine, la limigo pri nacia sendependeco signifas, ke neniu ŝtato povas konsenti pri malpliigo de sia suvereneco; ĝi nome ne povas toleri, ke alia regno starigu pretendojn pri parto de ĝia teritorio aŭ enmiksiĝu en ĝiajn internajn aferojn. Nu, la historio montras, ke preskaŭ ciuj militoj okazis pro teritoriaj kaj naciecaj pretendoj.

La supre nomitaj limigoj senefikigas la arbitracion ĉe ĉiuj konfliktoj, kiuj estas kapablaj naski militon. Ni scias, ke la pacifistoj mem kontraŭstaras ĉian limigon. Tamen, ĉar, antaŭ la nuna milito, multaj el ili alte taksis la progresojn de la arbitracia procedo, estis utile montri, ke ĉio ĝis nun farita laŭ tiu vojo ne helpas al la solvo de la pacproblemo.

La forigo de la ĝisnunaj limigoj, ŝajne, estus grava progreso. Al tiu rezultato celas la pacifistaj klopodoj. Sed oni ne devas malatenti, ke tia faro renkontus gravajn malhelpojn, ĉar ĝi fakte havus kiel konsekvencon, plene ŝanĝi la politikon de la ŝtatoj, kaj limigi ilian sendependecon, kiu estas la bazo de la nuna stato internacia. Iuj pacifistoj ŝajnas allasi, ke sufiĉus forigi el la arbitraciaj traktatoj la frazeron pri la supre aluditaj limigoj, por ke, dank' al tio, la internacia socio vere ekzistu kaj la milito estu forigata. Tio estas iluzio je la tutpotenco de la tekstoj kaj formuloj. Estas naive kredi, ke grandega ŝanĝo en la mondpolitiko povas okazi mekanike, preskaŭ nesciate, nur per modifo de tekstoj, se la ideoj, sur kiuj bazas la nuna ordo, ne antaŭe transformiĝis. Tia opinio ankoraŭ regas ĉe multaj militkontraŭuloj. Ili imagas, ke la problemo estas solvebla nur per eksteraj rimedoj, kiel la konkludo de arbitraciaj traktatoj, la prilaboro de arbitraciaj regularoj, la starigo de tribunaloj, dum ili aliparte daŭrigas respekteme akcepti ĉiujn ideojn, kiuj firmigas la militsistemon, kaj inter ili la ideon pri nacia sendependeco, al kiu ligiĝas ĉiuj aliaj.

Sed la arbitracio renkontas ankaŭ alispecajn malfacilaĵojn, kiujn ni devas tiom pli konsideri, ke ili tuŝas la esencon de la pacproblemo.

Ni supozu, ke la ŝtatoj sin devigis submeti al arbitracio ĉiujn ajn konfliktojn, sen limigo. Ni asertas, ke eĉ en tiu okazo la problemo tute ne estas solvita.

El la historio ni scias, ke la konfliktoj pri interpretado de jam fiksitaj juraj punktoj, pri aplikado de jura aŭ teknika traktato aŭ eĉ pri ekonomiaj malkonsentoj ne povas per si mem naski militon. Tiuj konfliktoj nuntempe solviĝas ĉu per senperaj traktadoj, ĉu lastokaze per arbitracio. Kiam la malkonsentoj rilatas al demandoj pri formala juro, juristoj estas kapablaj ilin solvi, bazante sur la ĝisnuna internacia juropraktiko aŭ sur la juroscienco. Kiam la malkonsentoj koncernas ekonomiajn demandojn, meza solvo povas esti atingata per reciproka marĉandado. Sed tute alie estas kiam la interŝtataj malkonsentoj havas politikan karakteron, ekzemple kiam ili rilatas al demandoj pri nacieco, ekspansio, kolonioj. Tie la demando ne plu estas pri interpretado de ekzistanta juro aŭ pri marĉandado je neĉefgravaj disputoj, sed pri malsamaj fundamentaj jurkomprenoj. Por ke arbitracia instanco ankaŭ povu solvi la politikajn konfliktojn, necesus do, ke ekzistu internacia pozitiva juro fiksanta la rajtojn de la popoloj kaj la rilatojn inter la ŝtatoj. Ĝis nun, la internacia juro ekzistas nur en la formo de kelkaj pure empiriaj reguloj pri kelkaj formalaj interŝtataj rilatoj, kaj de internaciaj diverstemaj konvencioj, havantaj teknikan, sed ne politikan, karakteron. Tiu embria internacia juro cetere ne havas sankcion, kaj en tiu rilato ĝi ne povas esti konsiderata kiel vere pozitiva juro. Ĝi ĉiuokaze ne povas utili por la juĝado de politikaj konfliktoj, ĉar pri tiaj politikaj rilatoj ĝi ankoraŭ ne ekzistas. Interne de sama regno, la rilatoj

inter la individuoj, kaj inter la ŝtato kaj la individuoj, estas fiksataj per leĝoj kaj reguloj, kies kolekto formas veran pozitivan juron, kiu per sankcioj devigas ĉiun regnanon je alkonformiĝo. La publika nacia rilataro estas do plene organizita. Kontraŭe, la internacia rilataro restas en ĥaosa anarkia stato, ĉar la suverenaj ŝtatoj estas subordinataj al neniu supera potenco kaj rekonas la internaciajn regulojn, kiujn trudas la komuna vivado, nur tiom, kiom ili estas akordigeblaj kun la naciaj interesoj — sola kriterio.

La necesa kondiĉo por la funkciado de arbitraciaj tribunaloj estas do la ellaboro de internacia pozitiva juro, kiu rezultos el la akordiĝo je certaj fundamentaj principoj pri la popolrajtoj kaj la interŝtataj rilatoj.

Oni eble asertos, ke ekzistas universala natura juro, kiu estas la supera regulo tiel de la nacioj kiel de la individuoj. La arbitracia instanco povus do juĝi la konfliktojn bazante sur la jam formulita internacia juro aŭ, se tio ne sufiĉas, sur la principoj de natura juro, kiuj rezultas el komune homa sento pri justeco. Sed pri vera juro oni povas paroli, nur se ĝi ekzistas en la formo de precizaj kaj komune akceptitaj (aŭ truditaj) reguloj, kiujn juĝantoj aplikos je la solvo de konfliktoj. La tiel nomata natura juro estas tro malcerta, tro konfuzita de la malsamaj homaj komprenoj, por ke ĝi povu esti uzata kiel regulo por solvi la internaciajn konfliktojn. La tribunalaj decidoj, kiuj estus alprenataj ne laŭ pozitiva firme fiksita juro, sed laŭ la montroj de la natura juro, estus elmetataj je ĉiuspecaj kritikoj, kia ajn estas la supozata senpartieco de la juĝantoj.

Oni povus aliparte kontraŭdiri, ke la internacia pozitiva juro povus esti empirie ellaborata de la arbitraciantaroj mem. Ĝi tiel estus iom post iom fiksata laŭ la spertoj. Tiu solvo estas ebla kaj eĉ fruktodona rilate al juraj punktoj ne tre gravaj, sed ĝi estas ne realigebla rilate al fundamentaj jurprincipoj. Kiel interne de la ŝtato la tribunaloj ne devas mem ellabori la leĝojn, laŭ kiuj ili juĝos, tiel same, internacie, la arbitraciaj tribunaloj ne devas fiksi la jurprincipojn, laŭ kiuj ili solvus la interŝtatajn konfliktojn. Fiksi kaj apliki la juron estas du malsamaj funkcioj, kiujn ne povas plenumi la sama organo.

Ĉiu internacia juĝopovo necesigas do internacian pozitivan juron, sekve antaŭan akordiĝon je certaj fundamentaj principoj pri la popolaj kaj ŝtataj rilatoj. Tiuj principoj, ni tion poste vidos, kontraŭstaras al la ideoj, sur kiuj bazas la monda politiko. Antaŭ ol krei arbitraciajn tribunalojn, transformiĝo de la politikaj ideoj estas necesega.

Alia kondiĉo estas ne malpli necesa je la funkciado de internacia juĝopovo, nome la ekzistado de efika sankcio. La malfacileco, solvi tiun demandon sufiĉas por serioze dubigi pri la praktikebleco de la arbitracio en la nuna internacia stato. La plimultaj pacifistoj respondas — aŭ almenaŭ respondis, ĉar la milito verŝajne severe instruis pri tio —, ke la demando pri sankcio ne estas tiel malfacile solvebla kiel ĝi ŝajnas. El la ĝisnunaj faktoj rezultas, ke ĉiuj alprenitaj arbitraciaj decidoj estis senescepte akceptitaj de la koncernaj regnoj. Cetere, eĉ se ŝtato rifuzus sin submeti al arbitracia juĝo, la aliaj ŝtatoj — asertas la pacifistoj — povus efike agi, rompante kun ĝi la rilatojn kaj se bezone ĝin bojkotante. Multaj pacifistoj eĉ kredas, ke la premado de la publika opinio sufiĉus, kaj ke neniu ŝtato kuraĝus kontraŭstari la tutmondan konsciencon rifuzante akcepti la internacian juĝon.

Tiu rezonado ŝajnas al ni netrafa. El la ĝisnuna sperto oni povas eltiri nenian konkludon. Ni scias, ke la arbitracio ĝis nun funkciis pri neĉefgravaj demandoj. Estas do facile komprenebl︎e, ke la ŝtatoj submetiĝis je la juĝo, ĉar konsentante je la arbitracio, ili mem antaŭkalkulis la maksimumon, kiun ili povas perdi, kaj tiu maksimumo ŝajnis al ili ne primilitinda. Ni jam rimarkis, ke la nepolitikaj konfliktoj jam nun oportune povas esti solvataj arbitracie. Sed alie estas pri politikaj demandoj, al kiuj, prave aŭ malprave, la ŝtatoj aljuĝas ekstreman gravecon. Tiuokaze sin trudas la neceseco de sankcio sufiĉa por absolute obeigi la decidojn de la internacia juĝopovo.

La proponitaj rimedoj, kiel la rompo de la rilatoj, la bojkotado, k. s., povas esti ne sufiĉaj, se la malobeanta regno estas potenca, kaj perforte prenas la kontestaĵon (ekzemple, teritorion je kiu ĝi pretendas). Oni do devos alpreni pli efikan trudrimedon aŭ rezignacii je la malobeo — kio estus la nuligo de ĉiu justeco. La okazo estus simila, se regno antaŭe rifuzus submeti malkonsenton al arbitracio. Ĉu oni kontentigos sin per principa ekskomunikado kaj fakte lasos la rifuzinton trankvile akiri tion, kion ne alcedas la juĝo? Tiu solvo estus abomena, ĉar ĝi havus la rezultaton favori ĝuste la regnon, kiu laŭplaĉe rompas sian promeson. La sankcio per internacia armeo sin trudas kiel supera garantio de la internacia juro.

La publika opinio tiuokaze tute ne sufiĉas, kaj estus naive iluzii pri tio. Povas esti, ke la arbitracia juĝo vekas malaprobon en kelkaj ŝtatoj, kaj ke la publika opinio estas dividata. La arbitraciantaro estos nature inklina al mezaj solvoj, kiuj ofte malplaĉos al la publika opinio, pli inklina al ekstremaj ideoj ne konformaj al la pozitiva juro.

Sed, oni respondos, estas neeble apliki la arbitracian proceson, se la kontraktintaj regnoj ne estas pretaj firme respekti la traktatojn kaj akcepti ĉiujn devojn, kiujn ili trudas, eĉ se el tio suferas la propra intereso. Pri tio ni principe konsentas. Tamen, tio tute ne forigas la necesecon antaŭvidi la esceptan, sed eblan, okazon, kiam fariĝos necese trudi juĝon al regno ne inklina ĝin akcepti memvole. Iu ajn nacio ja povas ekzisti kaj disvolviĝi, nur se ĝiaj anoj firme konformiĝas al la leĝoj, sed tiu alkonformiĝo ĝuste estas efiko de la sankcio, per kiu estas punataj la regnanoj, kiuj, ĉu pro propra intereso, ĉu pro alia jurkompreno, rifuzas obei la leĝon. La sankcio estas do unu el la kondiĉoj de nacia pozitiva juro. Same estu en la asocio de la nacioj.

*(Daŭrigota.)* *H. Hodler.*



# Al niaj abonantoj

**Ĝis pliboniĝos la cirkonstancoj, nia gazeto regule aperos ĉiumonate.**

**La abonantoj, kiuj estos senpere informataj pri finiĝo de sia reabono, estas petataj kiel eble plej baldaŭ sendi al ni la sumon de 5 frankoj per poŝtmandato aŭ respondkuponoj.**

**Escepte, ni ankaŭ akceptos sesmonatajn abonojn po 2,50 frankoj.**

**La abonantoj loĝantaj en regionoj, kun kiuj la poŝtrilatoj nun estas interrompataj, ricevos la aperintajn numerojn tuj kiam estos eble.**

**La abonantoj, kiuj militservas aŭ estas militkaptitoj, kaj ne havus la eblon nun sendi sian reabonon, bonvolu nin informi.**



 SOCIA VIVO 

## La viktimoj de la milito

*Nova parto*

III

*La civilkaptitoj netaŭgaj al militservo.*

La civiluloj, kiuj je la eksplodo de la milito troviĝis en la lando de la estonta malamiko kaj ne plu povis forvojaĝi, estis internigitaj en apartaj kaptitejoj. Ĝis fino de februaro la speciala svisa oficejo, kiu staras sub la federala politika departemento, rehejmigis pli ol 20,000 el ili, t. e. ĉiujn kies liberigo estis ebla laŭ la kontraktoj faritaj dum oktobro kaj novembro 1914 kun Francujo, Germanujo kaj Aŭstrio-Hungarujo. La liberigo koncernis, konforme al la ripetitaj deklaroj de tiuj registaroj, ĉiujn virinseksajn personojn, la junulojn sub deksep jaroj, la virojn super sesdek kaj la virojn nedubeble maltaŭgajn por militservo aĝajn inter kvardek-kvin kaj sesdek jaroj. Restis internigataj: preskaŭ senescepte ĉiuj viroj inter deksep ĝis kvardek-kvin jaroj, kaj la granda plimulto de la viroj inter kvardek-kvin kaj sesdek, juĝitaj kiel militaŭgaj.

Certe neniu miros, ke viroj enskribitaj en la listoj de la armeo, kiuj post la subita militdeklaro alkuris de malproksime al sia standardo kaj ne sukcesis atingi la patrujon, estis haltigataj de la malamiko. Ili ja estis estontaj soldatoj, kiuj diferenciĝis de militistoj nur per tio ke ili ne plu povis sin vestigi per uniformo por eniri la vicojn de l'batalantaro. Tamen plene sufiĉus reteni la homojn efektive entenatajn en la armeaj organizoj, do tiujn inter 18 ĝis 45 aŭ 50 jaroj, anstataŭ kiel nun inter 17 kaj 60. Sed civilulo, kiu neniam estis enregistrata aŭ eĉ plene liberigata de militservo, aŭ militisto, siatempe militaŭga, kiu pro malsano fariĝis netaŭga kaj estus resendata de ĉiu ajn sanitarista komisiono, tiaj homoj devus nepre rehavi la liberecon; la milito ja ne estas farata al civiluloj. Oni eble kontraŭdiros ke ili povus servi libervole aŭ en la oficejoj. Tamen ilia nombro ja estus tre malgranda kompare kun la nunaj gigantaj armeoj kaj tiel ilia utilo apenaŭ komparinda kun la kostoj por la nutrado kaj la soldatoj bezonataj por ilia gardado.

Verdire nekomprenebla sintenado estas, ke homoj absolute netaŭgaj al ia servado, aĝaj inter 17 kaj 45 jaroj, ne estas rehejmigataj. Ni prenu la ne maloftan okazon, ke tia junulo aŭ viro suferas je la brusto, la koro, aŭ estas nervomalsana. Kial oni malpermesas, ke hejme li flegu sin, kial oni malebligas ke li konservadu sian vivon, kial li devas esti ebla danĝero de infekto por la aliaj kaptitoj?

Ne la aĝo de la militaŭgeco devus esti elektata kiel juĝilo pri reteno aŭ liberigo, sed la militaŭgeco mem. Ĉar la kuracistoj de la malamiko mem decidus pri ĝi, malbonuzoj estus neeblaj.

Nepre alcelinda estas la forigo de la limo de 45 jaroj kaj la etendiĝo de l'forpermeso rilate al ĉiuj ne militaŭgaj viroj, sen diferenco ĉu ili estas aŭ ne enskribataj en la registroj de sia armeo. Oni do nur retenu ĉiujn enregistritajn taŭgulojn de 18 ĝis 45 aŭ 50 jaroj, kiuj, kapablaj porti la armilojn kaj apartenantaj al la malamika armea organizo, estas kvazaŭ soldatoj. Sen malfacilaĵo estus aplikeblaj al ili ĉiuj reguloj pri la militkaptitoj: libera afranko, uzado de la homoj por laboroj, interŝanĝo de nomaroj, reciproka informado pri ilia adreso kaj sanstato.

Al la diplomataj pritraktoj en tiu afero ni deziras bonan sukceson por ke tiu nuntempa eltrovaĵo de virinaj kaj viraj internigitoj, kiu insultas la modernan komprenon de la juro, plene malaperu.

Ke ni starigas la saman postulon rilate al la garantiuloj, ne bezonas ripeton. Ankaŭ tiu klaso de viktimoj de la milito devus nun fine malaperi. La venĝoj pri ili aplikataj estas ĉiam pusanta vundo je la sen tio jam sufiĉe batita kaj trapikita socia korpo.

*La civiluloj en okupita teritorio.*

La Haga regularo pri la surtera milito klopodas laŭpove ordigi la sorton de la civiluloj en teritorioj okupitaj de malamiko. Sed ĝi nek povis antaŭvidi la nunan multmonatan restadon de milionhomaj armeoj sur la sama spaco, nek la diversajn problemojn rezultantajn el tiu fakto. Sur la orienta kiel la okcidenta milita teritorio tutaj landpartoj estas preskaŭ ruinigitaj; ĉe multaj vilaĝoj ŝanĝis diversfoje la posedanto. Tie, kie la situacio por la nemilitantoj fariĝis neeltenebla, la militistoj forkondukis ilin el la paflinio kaj el iliaj vilaĝoj kaj urboj en landpartojn malantaŭ la batalejo, kompreneble ne petinte ilian konsenton. Tiujn forkondukitojn, ĉar la forigo okazis por ilin protekti, oni nomis „protektmalliberigitoj" aŭ „protektkaptitoj"; pri sia libereco ili ja ne disponas. Vere, forkurintoj, kiuj retiriĝis antaŭ malamiko ili ne estas, ĉar verŝajne ili estus preferintaj resti sur siaj bienoj; ili ankaŭ ne estas garantiuloj, kiujn oni forkondukas pro iu malbonago de tuta regiono, sed ili estas „forigitoj" perforte forŝovitaj personoj. Tamen la granda plimulto de la civiluloj en okupita teritorio povis ankoraŭ resti en siaj lokoj.

Kia estas la sorto de la restintoj, kia la sorto de la forigitoj? En ambaŭ okazoj ĝi estas treege kompatinda. La unuaj, kiuj loĝas en la zono de la operacioj, estas pro militistaj kaŭzoj preskaŭ plene fortranĉitaj de la eksteraj rilatoj; ĉar ĉefe oni sin okupas pri la bezonoj de la invadinta armeo, ilia nutrado estas malfacila kaj iliaj pagiloj, kiuj malsimilas al la mono de la malamiko, valoras preskaŭ nenion. Malfeliĉe malsukcesis la ĝisnunaj klopodoj por ke oni povu sendi al ili nutraĵojn el neŭtrala lando, per specialaj poŝtaj aranĝoj, ebligi la ricevon kaj forsendon de privataj leteroj kaj alvenigi monerojn aŭ bankbiletojn de ilia ŝtato.

La forigitaj personoj estis plej ofte kolektitaj en tendaroj de koncentrado aŭ en militkaptitejoj. De januaro 1915 oni transportis ilin unue kune kun la civilaj kaptitoj el Germanujo, kiu ĉefe, sed ne senescepte estas la temo de niaj konsideroj, tra Svislando al Francujo. Ĉar la okupitaj regionoj enhavas milionojn da loĝantoj, la limigo de la transportoj je ĝusta mezuro kaj ilia reguligo estis la celoj de nova interkonsento laŭ kiu depost marto 1915 la svisa militista estraro prizorgas ĉion. Tiamaniere la personoj almenaŭ revenas en sian patrujon, kiu kun oferema amo faras la eblon por gaste akcepti kaj konduki tiujn samnacianojn en la internon de la lando. Sed tamen ili perdis sian regionan patrujon; ili estas kaj restas elradikigitaj. Al la plimultaj mankas ĉiu apogo al sampopolanoj; okaze de iom longe daŭra forpeliteco ili mem sentos sin kiel fremda substanco en la organismo de aliaj provincoj kaj landpartoj, precipe se temas kiel plej ofte, pri maljunaj personoj, pri virinoj kaj infanoj.

La bildoj, kiujn disvolvas tiu moderna, perforte aranĝita popolmigrado, restos kiel nigraj epizodoj por ĉiam dolorige engravurigitaj en ĉiu sentema animo. La eksterordinare malfeliĉa sorto de tiuj civilaj oferoj de la milito postulas atenton. Ne sufiĉas, ke ili perdis sian tutan havaĵon; oni ankaŭ malliberigas kaj poste sendas ilin al vojaĝo longa kaj penplena por la plimulto. Kia povas esti la aspekto malantaŭ aliaj, de ni pli malproksimaj linioj de tiu tutmonda popolatakado, pri tio oni povos fari al si nur malfortan imagon.

Ĉu tiu forpuŝado aŭ tiu envagonigo de homamasoj estas vere neevitebla? Ĉu oni kredas, ke la spektaklo montrata al la okuloj de multaj, kiuj sen ĝi ne estus de proksime konatiĝintaj kun la mizero de milito, havus neniun influon sur la opinio de la popoloj, tie, aliloke, kaj ĉie? Nuntempe oni povas ankoraŭ esperi, ke tiu forigita, ne militkapabla loĝantaro rajtos poste reiri en sian antaŭan regionon. Se dum certa spaco de tempo ĝi ne povas resti en la okupita teritorio, kial ne povus malfermiĝi, je fiksitaj tagoj kaj horoj, la feraj pordegoj de la kirasigitaj batalmuroj, por ke la loĝantaro trairu kaj estu kondukata al sia nacia ŝtato per plej mallonga vojo? Aŭ ĉu ne estus malpli granda la sufero se malgraŭ la krueleco de la milito tiuj personoj estus lasataj proksime de la regiono de ili amata, kiel jam okazas en multaj teritorioj? Certe la ĝis nun provita solvo ne estas kontentiga, kaj supozeble ĝi ne restos.

Fatalismo kaj malvigla rezignacio ne akordiĝas kun la nuntempe naskitaj grandegaj potencoj de energio. Nepre devas esti eble mildigi aŭ forigi per internaciaj kontraktoj kaj kun la helpo de la neŭtraluloj tiujn la interpopolan duelon akompanantajn faktojn, kiuj amasigas monton de malamo kaj venĝemo. Se devas esti milito, pri kiu decidu la potenculoj de la tero, estu en la dudeka jarcento almenaŭ milito dum kiu batalas soldato kontraŭ soldato, armeo kontraŭ armeo kaj kiu indulgu je nenecesaj kruelaĵoj la senkulpan kaj nearmitan civilan loĝantaron. (La ĵetadon de bomboj kaj la surmaraĵn batalojn ni nur aludas.) Sortoj estas ŝanĝeblaj. La „hodiaŭ al mi, morgaŭ al vi", nur tro facile ŝanĝiĝas en "Kiel vi al mi, tiel mi al vi".

Ni mildigu la malfeliĉojn de la hombatalo ĉie, kie estas fareble, konforme al montritaj rimedoj, ne enmiksante nin malbontempe en la planojn de la militantaj ŝtatoj. Dum tiuj multmortigaj bataloj ni protektu kontraŭ pereo kaj malespero, kiel eble plej multajn fizikajn kaj moralajn estaĵojn. Anstataŭ degeneri al malhumaneco, tiu milito devas kaj povas esti civilizigata. Tio estu la volo de la tuta homaro!

*Prof. D-ro E. Ræthlisberger,*
Direktoro de la svisa oficejo por la rehejmigo de la civilkaptitoj.
Trad.: *Ed. St.*

---

## Vizitoj al militkaptitejoj

*Raportoj de la Delegitoj de la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco pri iliaj vizitoj al militkaptitejoj en Francujo, Germanujo kaj Britujo.*

IV

En la antaŭaj N-roj ni publikigis la raportojn de S-ro Leŭtenanto-Kolonelo D-ro C. de Marval kaj de S-ro Deputato A. Eugster pri vizitoj al francaj kaj germanaj kaptitejoj. Ni nun aperigas la konkludojn de la raporto de S-roj Edouard Naville kaj Victor van Berchem pri iliaj vizitoj al la britaj kaptitejoj.

La kaptitejoj entenas du specojn de kaptitoj, kiuj ne estas miksitaj: civiluloj kaj militistoj. Por ambaŭ — escepte por unu kategorio de civiluloj, pri kiu ni reparolos — estas unuforma regulo: la loĝado kaj nutrado estas la samaj kiel por britaj militistoj.

Alia ĝenerala regulo por ambaŭ estas, ke la necesaj vestoj kaj ŝuoj estas senpage liverataj de la registaro al la bezonantoj. Nenie kaptito povas plendi, ke li malvarmas tial ke liaj vestaĵoj estas disŝiritaj, nesufiĉaj, aŭ ke liaj ŝuoj estas neuzeblaj. Informinte pri tio, kion li bezonas, li ricevos ĉion necesan en bona stato. Tio estas unu el la kaŭzoj, kial Britujo ne formis Komitaton, kia ekzistas en Germanujo kaj en Francujo. La necesaĵojn de la kaptitoj oni prizorgas; oni ne kalkulas pri la vestaĵoj eventuale ricevataj el la hejmo.

Tuj kiam kaptito estas internigita, li ricevas folion, sur kiun li devas enskribi sian nomon, loĝejon, kaj — se li estas militisto — ĉion, kio koncernas la trupon, al kiu li apartenas. Ĉio estas transportita angle sur la alian flankon de la folio por eviti nomerarojn. Per tiuj folioj la Informoficejo preparas la listojn, kiujn ĝi sendas al la Ĝeneva Informejo por militkaptitoj; ili distingiĝas per la precizeco de la entenataj informoj.

Sama regulo aplikiĝas en ĉiuj kaptitejoj rilate al la korespondado. La kaptitoj rajtas skribi dufoje en la semajno.

Ekzistas du specoj de kaptitejoj: la surteraj kaj la surŝipaj. Tiuj ĉi estas uzataj precipe dum la vintro. Verŝajne je la bela sezono oni elŝipigos multajn kaptitojn, ĉefe militistojn.

*1. Militistoj.*

Nuntempe (januaro 1915), la nombro de la kaptitaj militistoj ne estas grava kompare kun la nombro de la kaptitoj en Germanujo. Ĉe nia vizitado oni kalkulis 10,000 soldatojn kaj oficirojn.

La militistaj kaptitejoj estas multe pli facile direkteblaj. Pri tio la komandantoj unuanime konsentas. La militista disciplino regas super ĉiuj. Krom tio, la vivado de la militistoj, krom pri la mankanta libereco, tre similas al la kutima kazernvivado. La oficiroj estas apartigataj je la soldatoj. Nuntempe ekzistas du kaptitejoj por oficiroj; ni vizitis ambaŭ. Oni instalas novan en Derbyshire, en bela bieno nomata Donnington Hall.

La Haga konvencio rilate al la pago de la oficiroj ne estas aplikita; tiu pago estas nur la duono kompare kun la responda grado en la brita armeo. Tio devenas el la fakto, ke en Germanujo la rilata parto de la konvencio ne estas aplikita. En Germanujo, sub la grado de kapitano, la kaptitaj oficiroj ricevas 60 Markojn monate; super, ili ricevas 100 Markojn. Tiu pago estas multe pli malalta ol eĉ la duono de la brita pago. Leŭtenanto ricevas en Britujo 7 ŝ. 1/2, kies duono estas 3 ŝ. 3/4, t. e. preskaŭ la duoblo de la 2 Markoj pagataj al brita leŭtenanto en Germanujo, tiom pli ke krom tio oni kreditigas al ili porcion, t. e. 10 1/2 pencoj. Se Germanujo allasus la plenan pagon, Britujo ankaŭ tion farus, sed la kredito por porcio ne plu estus pagata.

En la cirkulero sendita de la Internacia Komitato al la diverslandaj Ruĝkrucoj, oni sugestis la proponon doni malaltan pagon al suboficiroj kaj soldatoj; tio okazus, se ekzistus reciprokeco en Germanujo.

En la militistaj surteraj kaptitejoj, kies organizo estas kompleta, ekz. en Dorchester, la kaptitoj povas laborgajneti, laŭ la principo alprenita en la brita armeo, laŭ kiu estas pagata ĉiu laboro ne rilatanta kun la servado. La tajloroj kaj la ŝuistoj, aŭ la viroj laborantaj je la instalado de la kaptitejo, je la konstruado de barakoj aŭ de vojoj, ricevas 2 ŝilingojn semajne; per tio ili povas aĉeti dolĉaĵetojn ĉe la kantino. Krome tiu kantino liveras malgrandan profiton, kvankam la vendoprezoj estas kiel eble plej malaltaj; tiu profito reiras al la kaptitaro.

La uniformo estas postulata nur tiom kiom tiu uniformo estas survestebla. Kiam ĝi estas eluzita, ĝi estas anstataŭata de civilvestaĵoj senpage liverataj al la soldatoj kaj suboficiroj. Tiuj vestaĵoj ne estas farataj laŭ speciala fasono kaj havas nenian signon pri tio, ĉu la posedanto estas militisto aŭ kaptito. Verdire, la ŝancoj por forkuro estas malgrandaj. Kion farus forkurinto meze de loĝantaro, kies lingvon li ne scias? Cetere, eĉ se li atingus la marbordon, kie li povus enŝipiĝi? Tiel, preskaŭ neniu oficiro estas

vestita en uniformo; kaj inter la soldatoj, multaj ne plu havas sian.

Rilate al la korespondado la kaptitoj rajtas skribi dufoje en la semajno, ĉiufoje sur du blankaj paperfolioj, kiujn oni liveras al ili. Ekzistas ĝenerala plendado pri la malrapideco de la korespondado laŭ ambaŭ direktoj. Preskaŭ ĉiuj leteroj el Britujo pasas tra Nederlando. Estas certe, ke la malrapideco devenas parte el la cenzuro kaj el la fakto, ke la cenzurado okazas en Londono por kelkaj kaptitejoj, ekz. Dyffrin Aled. Estus dezirinde, ke la cenzurado estu plenumebla ĉe la kaptitejo mem; tio plirapidigus la alvenon de la leteroj.

Kio prokrastas la aktivecon de la cenzuro estas la lerteco de multaj kaptitoj por fari „simpatian“ inkon per plej diversaj substancoj, kies kelkajn oni citis al ni. Tiun inkon aperigas la varmo aŭ aliaj rimedoj, tiel ke la leteroj skribataj per ordinara inko iafoje enhavas ion tute alian, aŭ tekston, kiun la cenzuro ne povas allasi.

La monsendajojn ricevas la komandanto, kiu ilin transdonas al la adresato, sed ne ĉiam en unu fojo. Ĝenerale, konto estas malfermata, kaj la mono estas donata laŭ la bezonoj; tio celas malhelpi la uzon de la mono por malpermesataj agoj. Oni citis al ni, ekzemple, kaptiton, kiu donis 18 funtojn al gardosoldato por sendigi leteron el Britujo, evitante la cenzuron. Letero, kaptito kaj gardosoldato estis retenitaj; ambaŭ viroj estis juĝitaj de la militjuĝistaro, kiu kondamnis ilin je kelkaj monatoj. La letero cetere havis nenian gravecon.

La soldatoj kuŝas sur pajlmatraco; ili havas kapkusenon, 3 lanajn kovrotukojn, kiel la soldatoj en kazernoj.

La nutrajoj konsistas el: matene, teo, pano kaj butero; tagmeze, viando, terpomoj kaj aliaj legomoj kune kuiritaj, vespere, denove teo, pano kaj butero.

Laŭ tio, kion ni vidis, ni bone povas juĝi pri la kaptitejoj. Ekzistas unuformaj reguloj, kiujn la komandanto ne rajtas ŝanĝi, ekzemple ĉion, kio rilatas al la korespondado; la povo de la komandanto estas multe pli limigita ol en la aliaj landoj.

### 2. *Civiluloj.*

La civiluloj nombre superas la militistojn (en januaro). Ili estas proksimume 20,000, kvankam ĉiusemajne oni forsendas kelkajn, kaj restas nur soldataĝaj viroj. Tio estas tre grava punkto aparte substrekota, ĉar multaj gazetartikoloj diris la malon. En la britaj kaptitejoj, estas nek virinoj, nek infanoj, nur viroj.

Ke la civilkaptitejoj okazigas plendojn, tio estas memkomprenebla. La kaptitojn indignigas la fakto, ke ili estas kaptitoj. Viro estis kelnero en granda Londona hotelo, aŭ donis lecionojn en instituto, aŭ estis komizo en oficejo, aŭ laboristo en fabrikejo, kaj, kiam eksplodas la milito, oni donas al li pajlmatracon kaj kovrotukojn kiel al soldato; li ricevas tian saman nutrajon kiel soldato; la ŝanĝo estas por li tiel plena, ke li ne povas esti kontenta je tio, kion oni liveras al li; ni ne parolas pri la perdo de libereco — kio suferigas lin. Lia stato estas do tute malsama ol tiu de soldato; estas evidente, ke li akre sentas la malagreblecon de sia stato. Juĝante ilian nunan situacion, oni devas konsideri la aferojn laŭ ilia vidpunkto kaj samtempe senpartie ekzameni, ĉu iliaj plendoj estas pravigataj.

*(Daŭrigota.)* *Ed. Naville* kaj *V. van Berchem.*
Trad. *E. B.*

---

 LITERATURO 

FELIETONO

# Alveno de vunditoj

**Travivajoj en milithospitalo**

Subite iu flegisto eniris en la ĉambron dirante: „Oni tuj alkondukos dudek ne atenditajn vunditojn, kaj ili estas gravevunditoj.“ Li eliris, eniris en la sekvantan ĉambron por sciigi pri ĉi tiu alveno, kaj tiel daŭris tra la tuta vico de la teretaĝaj ĉambroj.

La milithospitalo estis starigita en knaba liceo; la hospitalĉambroj, kutime klasĉambroj, ĉirkaŭis tri flankojn de vasta korto ornamita per arboj; antaŭ la ĉambroj larĝa galerio ebligis trairi ŝirme kontraŭ pluvo kaj suno.

Estis iu mateno de julio, duono post la kvina; la suno jam tre alte superŝutis la korton de hela lumo, la ĉielo havis tiun bluecon freŝan kaj mildan, kiun ĝi havas nur tre frumatene.

Aeroplano flugis super la korto; en la sunradioj ĝi similis al granda ora libelo zumanta kiel abelo. Birdoj traflugis, aŭdigante tre amuzantan koleran pepadon, kvazaŭ por protesti kontraŭ ĉi tiu travagado en sia bieno. Kaj stranga afero en urbo, oni ankaŭ aŭdis korvoblekojn; sendube la kanonpafado forpelis la nigrajn birdojn el la nordaj landoj. En la matena beleco tiel ĝoja kaj brila, ĉi tiuj blekoj false sonis kaj malagrable impresis.

Ĉar oni anoncis tujan alvenon de vunditoj, la flegistinoj aperis sur la sojlon de ĉiuj ĉambroj. La flegisto revenis. „Kiom da neokupataj litoj en viaj ĉambroj, li demandis pasante antaŭ la du unuaj ĉambroj? — Du ĉi tie kaj unu en la dua, respondis la flegistino. Ĉu oni alportos vunditojn al mi? — Kredeble. Dudek gravevunditoj, oni ne atendis ilin, ĉiuj litoj sur la teretaĝo estos okupataj.“

Unua aŭtomobilo eniris sur la korton. La geflegistoj ĉirkaŭis ĝin kaj, scivoleme, ankaŭ la jam resaniĝantaj vunditoj frumatene ellitiĝantaj por forlasi ĉambrojn, kie peza varma aero sufokas, kaj ĝui sur la korto la ĉarmon de l'malvarmeta aero. La pordeto de l'aŭtomobilo estis malfermita, kun atentegaj zorgoj la vundulportistoj eligis vundulportilon sur kiu kuŝis vundito, homa ruino. Malfacile oni dirus ĉu li estas juna aŭ maljuna, lia vizaĝo ne havas aĝon: la kavaj vangoj, la kuntirita nazo, la malviglaj okuloj, la terkoloraj makuloj de la haŭto, la konsumita mieno estas de maljunulo; io neafektema, samtempe timema kaj fidema, diras, ke ĉi tiu maljunulo estas infano. Li estas vestita nur de siaj subvestoj, malpuraj, ŝiritaj; sur li oni entendis lian kapoton, kiu ne estas plu horizontoblua sed grizflavaĉa kaj amaso de disŝirajoj; baskpeco mankas; iu maniko estis forŝirita, restaĵoj de duoblaĵo pendas; la dua estis laŭlonge fendita; la tuto estas plena je traŝiroj, faroj de kugletoj, dornaj ferfadenoj, ŝtonoj, kiam oni rampis sur la tero; larĝaj sangmakuloj, brunaj, densaj, malmoligis la ŝtofon. La kapoto ne kovris la dekstran kruron, kiu estis vundita. Bandaĝoj ĉirkaŭ ĝi aspektis tiom sorbigitaj je malseka sango, ke sangelfluo devas okazi; la kalkano estis volvita de bandaĝoj ankoraŭ pli sangaj, kaj el ili eliĝis la piedo, kiu — ne trograndige — estis absolute nigra kiel karbo. Sur la vundulportilo, apud si la soldato havis sian saketon, kiu entenas lian tutan havajeton, ĉe la kapoto estis alligita surskribeto, kiel oni alligas al pakaĵo por ĝin sendi fervoje. Kia malĝojiga pakaĵo! La surskribeto montris la nomon de la soldato, lian regimenton, kiam kaj kie li estis vundita, en kiu milithospitalo ĉe la batallinio li estis jam kuracita.

Kiam la portistoj metis teren la vundulportilon, kvankam la skuo estis tre malforta, la pala vizaĝo ankoraŭ pli paliĝis; la kapo, iom leviĝinta, falis malantaŭen.“ Mi iros por rapidigi la kuraciston, diris iu flegisto.“ Li kurante foriris. Dume, iu flegistino trinkigis la vunditon. Ĉiuj ĉeestantoj rigardis ne parolante, la koroj premiĝis.

„Oni ĝis nun neniam alkondukis vunditojn je ĉi tiu horo, diris iu voĉo esprimanta la komunan neprecizan tedsenton.“ Ĉiam oni alportis nokte la gravevunditojn. Tiam oni malpli svarmis ĉirkaŭ ili, nur kuracisto kaj portistoj; silente ili alportis la vunditojn al la difinita ĉambro, kvazaŭ ombroj ili ŝovis sin en la nokto, tio ŝajnis funebra marŝantaro. Sed en bela somera mateno, tiu vidaĵo estis terura kaj stranga; ŝajnis, ke oni eraris, ke oni ne devis fari tion.

Kaj vere tio estas terura, stranga, nekomprenebla, konsternanta. Ĉi tiu vundito ne estas plu nur unu vundita soldato, li reprezentas ĉiujn, li estas la tuta juneco, forteco, vivo de la nacio, kiun oni kripligas, masbuĉas, mortigadas. Kiel antaŭ timinda mistero, tremante, oni demandas sin kial? Sed la demando ne ricevas respondon.

Ĉiuj formalaĵoj estas faritaj, la portistoj ree ektenas la vundulportilon kaj malrapide paŝas al la ĉambro, kie la malfeliĉa soldato trovos liton.

Nun oni zorgas pri dua vundito; li havas frakasitan brakon kaj ankaŭ suferas, sed ne tiom, kiom la unua, li povas marŝi, subtenate de du flegistoj. Kiel la unua li havas vestojn malpurajn, disŝiritajn, truitajn, sangmakulitajn.

La aŭtomobilo forveturas.

Duan fojon ĝi venas; kian suferon ĝi alkondukas? Oni pensas pri la franca poeto petanta ke oni formetu la ĉapelon ne kiam pasas funebroĉaro sed kiam pasas hospitalveturilo, ĉar la dua „estas la doloro, kiu pasas.“

La portistoj elveturigas soldaton ankaŭ vunditan ĉe la kruroj, sed ne danĝere, ŝajne, kiel la unua; li parolas kun la ĉeestantoj, kvankam li suferas li estas gaja, li ĝojas ĉar li atingis la celon de la dolora vojaĝo. Tamen li kuŝas ĉi tie senpova, en malsupereca stato, eble kripligita por la tuta vivo. Centoj kaj centoj da miloj estas tiaj, kiuj devus esti sanaj, fortaj, viglaj; ĉiuj estas junaj, kaj dum longaj jaroj elportos la doloron vidi sin kriplulo pro la milito. Oni nenion povas kontraŭ malsano aŭ akcidento, sed militi estas malsaĝe alkuri al la plej kruelegaj malfeliĉegoj. Antaŭ tiu ondego de ĉiuspecaj suferoj oni demandas sin: kia kvanto da doloro mankis al la ekvilibro de la mondo?

Jen, la portistoj elveturigis duan vunditon. Ho, ĉi tiu! La tuta kapo estas bandaĝita; kio okazis al la okuloj? Oni vidas nur la buŝon, sed ĝi estas esprima, ĝi senvorte diras teruregan suferon ĉe la plej malgranda skueto de la vundulportilo; ĝi kruelege kuntiriĝas, sed estas ĉio, nek ia plendo, nek ia ĝemo, nek ia moveto de la membroj, ĉiuj sanaj. Ĉi tiu viro estas tie, sternita sur la portilo, ne vidante kie li estas, kiu zorgas pri li; nur lia buŝo diras lian suferon, sed sen ia ajn sono. Kiaj pensoj devas trudiĝi en ĉi tiu bandaĝita kapo! Larmoj estas en ĉiuj okuloj, kaj antaŭ ĉi tiu muta kaj blinda doloro, silento ekregis.

La aŭtomobilo ankoraŭ forveturis kaj baldaŭ revenis. La portistoj elveturigas portilon sur kiu, ne movante sin, kuŝas vundito; ili metas teren la portilon.

„Sed li estas mortinta, diras iu.“ La kuracisto rapide surgenuas apud la portilon kaj almetas sian orelon al la brusto de la vundito, poste palpas lian pulson kun malsereniĝanta vizaĝo. La vundito ĉiam estas senmova; sub la griza flanelĉemizo nenia leviĝo de la brusto montras, ke la koro batas; la okuloj estas larĝe malfermitaj, la rigardo ŝajnas revema, ĝi estas dolĉa, laca, iom malgaja; la vizaĝo estas kvieta, tute ne esprimas suferon.

„Mi ne scias ... eble ne ... mi ne scias ... li estas varmega, murmuretas la kuracisto. Alportu lin ĉambron 2an.“ Aŭdinte, la flegistino de la nomita ĉambro rapidiris por pretigi liton. En la ĉambro ĉiuj vunditoj, jam vekitaj de la trapaŝadoj pro la alveno de la novuloj, levetis sin super sia lito tiom kiom ili povas por vidi, kio okazas. Flegisto helpis la flegistinon; ambaŭ ĵus finis kiam eniris la portistoj kaj du flegistoj. „Vi ne bezonas tiel zorge pretigi la liton, diris iu el ili, ne estas por longe.“ Sur la portilo la vundito estis nemoviĝinta. „Li estas mortinta“, ankoraŭ parolis la flegisto. La kuracisto ĵus alvenis. „Sternu lin sur la liton kun la kovrilo de la portilo kaj ne senvestigu lin“, li diris.

La vundito estis ĉiam en sama tenado; liaj grandaj dolĉaj okuloj ŝajnis rigardi tre malproksimen en la malklareco.

Oni sternis lin sur la liton; la flegistino diris: „Li tuj mortos, oni devas serĉi pastron.“ La deĵora adjutanto rapidis por trovi pastron inter la flegistoj, dum la flegistino certiĝis, ke la pulso de la vundito ĉiam batas.

„Jen la Fratino“, ekkriis la vunditoj en la ĉambro. La taga flegistino, monaĥino, ĵus eniris. La ĉeestantoj flankeniĝis por liberigi la vojon; ŝi rapide alpaŝis al la lito; ŝia granda blanka kufo flirtis kun brueto de birdflugilo. Ŝi ektenis la manon de la mortanto, kliniĝis super li kaj milde flustris: „Ĉu vi aŭdas min? mia infano, ĉu vi vidas min?“ Ŝi almetis sian manon sur la frunton de la soldato: „Pastron, pastron, ŝi petegis, li mortas, eble li estas mortinta.“

Ĉe tiu momento la adjutanto revenis kun pastro-flegisto. Ĉi tiu alkuris al la mortanto; la flegistoj duonronden viciĝis kaj demetis sian kapveston. La pastro iomete preĝis, poste diris: Mi kredas, ke li mortis; ĉu de longe, mi ne scias.“

Kiam vunditoj alvenas, oni malvestigas kaj lavas ilin, nenio povas supozigi en kia malpureco ili estas. Tiam oni komencis la funebran tualeton. „Li estas ankoraŭ tre varma; tamen li certe mortis de jam longe, diris la monaĥino, mi ne povas fermi liajn okulojn.“ Kaj kiam li estis pure vestita, same oni ne povis interplekti liajn manojn.

Kiam estis finita la alvena tualeto, la lasta por ĉi tiu nekonata soldato alkondukita ĉi tien nur por morti post longa dolora vojaĝo, ĉiuj ĉeestantoj longe rigardis lin, kaj profunda kompato invadis iliajn korojn. Li havis tiel simpatian mienon, oni zorgis pri li dum liaj lastaj vivminutoj, kaj estis tiom malĝojiga vidi ĉi tiun junan mortinton, kies nomon oni eĉ ne scias, tiel izolita je ĉio, kion li konis kaj amis, ke la ĉeestantoj havis al li senton sincere amikan kaj malĝojan, kvazaŭ por ke, kvankam mortinte, li ne sentu sin sola.

Li kuŝis ĉiam kun siaj grandaj brunaj iom malgajaj okuloj larĝe malfermitaj, sed ili ne ŝajnis okuloj de mortinto; la dolĉa rigardo estis revema; kredeble en la lasta penso ĝi vidis la hejmon, ĉiujn amatajn estaĵojn, ĉiujn karajn lokojn. La brakoj, kies manojn oni ne povis interplekti, kuŝis laŭlonge de la korpo en laca tenado. Li aspektis kiel rezignacia viktimo, unuo de la multnombra buĉofero falĉanta homojn sur preskaŭ ĉiuj kampoj de Eŭropo.

Tiam, korvbleko laŭtiĝis, iu korvo traflugis super la korto kaj malaperis post la arboj. Eble ĝi flugis al la loko, kie patrino, juna edzino, maljuna avino, larmoj en okuloj kaj koro premata, pensas pri la kara forestanto, angore demandas sin, kio okazas pri li, ne sciante, ke iliaj larmoj nun estas pravaj kaj povas flugi.

Originale verkis
*Marta Henriet-Nolotte.*

# ☆ NOTOJ ☆

.˙. **Neŭtrala laboro dum la milito.** — En Kopenhago stariĝis antaŭ kelka tempo oficejo por „Konservado de internacia kunlaboro“. La iniciatantoj estas „La Pac-unuiĝo“, „La Nacia Konsilantaro de Danaj virinoj“ kaj „La Asocio de l' Virinaj Unuiĝoj, Komitato por elektrajto“.

La ideo pri starigo de tia oficejo devenas de la holanda „Kontraŭmilita Unuiĝo“, al kiu jam aliĝis ĉ. 300 societoj kaj 9000 izolitaj personoj.

La Kopenhaga oficejo elsendis alvokon, subskribitan de 23 bonaj danaj nomoj, i. a. S-ro H. Ostenfeld, la episkopo de Selando, S-ro Frederik Bajer, honora prezidanto de la internacia pacoficejo, la universitataj profesoroj S-roj Otto Jespersen, Carl Torp kaj Harald Westergaard, S-ro advokato parlamentano Niels Petersen, prezidanto

de „Dana Pac-unuiĝo" S-ro H. J. Hannover, direktoro de la politeknika lernejo, S-ro H. Voss, prezidanto de la dana grandloĝio de I. O. G. T., S-ro F. Baruël, prezidanto de Societo de Danaj Esperantistoj, k. t. p.

La eisendita alvoko precipe sin turnas al la danoj, memorigante al ili, ke ili kiel anoj de neŭtrala ŝtato, ŝirmitaj kontraŭ la terurâjoj de la milito, tamen ne devas indiferente rigardi la dramon, kiu estas ludata antaŭ iliaj okuloj, sed memori, ke la cirkonstancoj kreas specialajn devojn kaj taskojn, kiuj estas solveblaj nur de neŭtrala nacio.

Diversaj societoj sekve de la alvoko jam aliĝis kiel apogantoj de la oficejo; inter ili troviĝas krom la suprenomitaj: La Junula Pac-societo „Pax", „Societo de Danaj Esperantistoj", „Dana Ido-Federacio", „Kristana Mondunuiĝo", la dana Komitato „Kristana Pac-Unuiĝo", „Abstinenca Unuiĝo de l' Dana studenta Junularo", „Dana Grand-loĝio de I. O. G. T.".

La provizora programo de la oficejo estas la jena:

1e Konservado de l' interrilato de la internaciaj organizaĵoj,

2e Prizorgo de sciigoj pri kaj serĉado de civilaj personoj dum la milito,

3e Respondado de demandoj kaj disvastigo de sciigoj pri internacia paclaboro.

La alvoko cetere priparolas la neceson de l' konservado de la internacia vivo kaj interrilatoj, sed ne dubas pri tio, ke en la militantaj landoj la laboro nur malfacile estas daŭrigata nun kaj eble dum la unuaj jaroj post la milito; tial ĝi oferas sian peron en okazoj de bezono, ne nur laŭ la supre skizita programo, sed en ĉiuj cirkonstancoj, kiuj ne kaŭzas konflikton kun la neŭtraleco de la dana ŝtato.

Ekz. multaj internaciaj movadoj havas sidejon en la militantaj landoj kaj pro tio nur malfacile interrilatas kun eksterlandaj fakoj; tial estas konsilinde al ili provizore ŝanĝi la sidejon. En tiaj okazoj la Kopenhaga oficejo oferas sian helpon je la aranĝo.

Ĉar neŭtrala lando estas pli oportuna por kongresoj dum la milito kaj eble ankaŭ poste, la oficejo volonte estas peranto tiurilate.

La adreso de la oficejo estas: Bureau for Opretholdelde af Internationalt Samarbejde, Vester Voldgade 8, Kopenhago B.

Kiel supre montrita la „Societo de Danaj Esperantistoj" ankaŭ aliĝis kaj proponis sian helpon pere de nia lingvo.

Ni inter alie promesis pere de Esperanto konatigi la oficejon kaj ĝian celon al aliaj landoj, kaj tial ni turnas nin al niaj samideanoj en ĉiuj landoj kun la peto, ke ili represu ĉi tiun artikolon en la Esperanto-gazetoj kaj poste traduku ĝin por publikigo en naciaj gazetoj; vi tiamaniere servas al la konservado de la internacia vivo, kaj samtempe faras propagandon por Esperanto.

Sendante la gazetojn, kiuj priparolas ĉi tiun gravan entreprenon, al la oficejo, vi plej bone montras la taŭgecon de nia lingvo en internaciaj rilatoj. Ni tial petas vin kiel eble plej multe atentigi ...ajn samlandanojn pri la utilo, kiun ili povas havi de la neŭtrala ...cejo, kiu volonte respondas al ĉiuj demandoj. — *Margrethe Noll.*

∴ **Vizitoj al germanaj kaj rusaj kaptitejoj.** — Laŭ admono de la Ruĝa Kruco en Petrograd, la dana Ruĝkruca Societo sendis al Germanujo kiel delegitoj S-ron konsulon Henius, antaŭa kapitano de la dana maristaro, S-ron v. Spätti kaj S-ron kapitanon Tvermoes por viziti la germanajn kaptitejojn, en kiuj estas rusaj kaptitoj. Samtempe S-ro komandoro Drechsler, kolonelo Meyer kaj kolonelo Muus vizitas la germanajn soldatojn en rusaj kaptitejoj. La delegitoj estas akompanataj en Germanujo de rusa kaj en Rusujo de germana Ruĝkruc-flegistino, kiuj alportas leterojn kaj monon al la kaptitoj. — *A. R.*

∴ **Unu miliardo.** — Oni nun multe parolas pri miliardoj. La militelspezoj de ĉiu el la grandaj militantaj regnoj jam superas plurajn miliardojn.

Malfacile estas imagi, kion reprezentas unu miliardo. Jen kelkaj ekzemploj:

Familio, kiu je la naskiĝo de Kristo, posedus unu miliardon en mono povus, sen la kapitalo, elspezi 1 frankon po minuto, 60 frankojn po horo, 1440 frankojn po tago aŭ 518,400 frankojn po jaro: nur antaŭ dudek jaroj, ĝi estus senmoniĝinta. Efektive, de la jaro 1 ĝis la 31 decembro 1915, forpasis nur unu miliardo ses milionoj kvincent okdek-kvar minutoj.

Se oni kunigus la sumon de unu miliardo en la formo de unu ormaso, ĝi pezus ĉirkaŭ 322,500 kilogramojn, kaj ĝia volumeno estus 17 kubikmetroj. Ses mil homoj povus ĝin apenaŭ sublevi. Por ĝin transporti oni bezonus vagonaron longan je kvar cent metroj kun dudek-kvar vagonoj.

Se la dudekfrankaj ormoneroj necesaj por pagi unu miliardon estus metataj unu flanke de la alia, ili farus rubandon de 1050 kilometroj. Se ili estus metataj unu sur la alia, la alteco de la rulo atingus 33 kilometrojn, t. e. ĉirkaŭ la okoblo de la alteco de Blanka Monto.

∴ **Nederlanda Kontraŭmilita Konsilantaro.** — En Hago okazis eksterordinara kaj tre multnombra kunveno de la Nederlanda Kontraŭmilita Konsilantaro. Krom la membroj de la Konsilantaro ĉeestis delegitoj de 42 lokaj grupoj de 120 aliĝintaj asocioj, kaj multaj invititoj, i. a. reprezentantinoj de la Internacia Virina Konsilantaro por daŭra paco. Post vigla diskutado, la jena propono de la Komitato estis unuanime akceptita: Ke la Nederlanda Registaro iniciatu Konferencon kunvokotan por la pacinteresoj, je kiu ĉeestos specialaj reprezentantoj de la neŭtralaj regnoj por la celo prepari pacperadon kaj ĝin enkonduki je la taŭga tempo.

Multaj aliĝtelegramoj estis ricevitaj el Svisujo, Svedujo, Danujo, Usono, Germanujo, Britujo kaj Italujo.

∴ **La scienco kaj la milito.** — En unu el la lastaj kunsidoj de la Pariza medicina Akademio, D-ro Arnoux serĉis klarigon de faktoj ofte observitaj dum la nuna milito, kiuj montras, ke en iuj tranĉeoj tutaj aroj de soldatoj mortis sen videbla vundo, kvazaŭ ilin frapus la fulmo. Aneroida barometro trovita ĉe unu batalinto, kaj kies montrilo indikis treege malaltan premciferon, konkludigis, ke dum la eksplodo de melinitobuso, okazis tia forta aerdelokigo, ke la atmosfera premado subite malaltiĝis en la eksplodĉirkaŭaĵo. Sekve de tio la ĉeestantoj troviĝis en tiaj fizikaj kondiĉoj, ke la gasoj dissolvitaj en la sango tuj liberiĝis en formo de veziketoj, kiel oni vidas en malpleniĝanta sifono de ŝaŭmakvo. Tiuj veziketoj, atingınte la koron, tuj ĉesigus la funkciadon de tiu organo. Ĝi estas sensufera morto, preskaŭ humana.

∴ **La eltrovo de la kaŭĉuko.** — Sen kaŭĉuko nenia aŭtomobilo kaj sen aŭtomobilo nenia moderna milito. Per tiuj mallongaj vortoj plej bone karakteriziĝas la signifo de la eltrovo de tiu potenca teknika rimedo. Kiel unua Eŭropano Kolombo devas esti vidinta la kaŭĉukon dum sia unua Amerikvojaĝo (1493—1496) ĉe la indiĝenoj de Haiti. La unua informo pri tiu rimarkinda naturkorpo datumas de la jaro 1796 kaj havas kiel aŭtoron la hispanon Gonzalo Fernandes d' Oviedo y Valdas, kiu lernis ĝin koni ĉe la Indianoj de Sud-Ameriko. Samtempe raportis la francaj esploristoj La Condamine kaj Bouguer, kiuj tiam laŭ komisio de sia registaro entreprenis gradmezuradojn ĉe la riverego Amazonas. Condamine la unua sendis specimenon al Parizo. La grava propreco de la kaŭĉuko viŝi krajonliniojn devas esti eltrovata de Magellan je 1770 kaj samtempe de Priestley. Sed la eltrovo de la kaŭĉuko kiel gravega ilo en la moderna disvolvita industrio datumas nur de la momento, kiam oni lernis ĝin prilabori tiel, ke ĉe pli larĝaj temperaturlimoj ĝi preskaŭ neŝanĝeble konservis sian elastecon, firmecon, nepenetreblecon. La eltrovintoj de la procedo nomata vulkanizo estas Goodyear (1839) kaj Hancock (1843). Flanke de Sud-Ameriko, Afriko estas la ĉefa produktkampo de la kaŭĉuko; la sistema prilaborado de la kulturplantejoj ĉiam plivastiĝas. La gravecon de la kaŭĉuko plej bone ilustras la fakto, ke lastatempe la mondproduktado supreniris je ĉ. 100,000 tunoj jare, kio reprezentas monvaloron de pli ol 1 miliardo de frankoj.

# KRONIKO

**Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20ª. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.**

## Britujo.

*Birmingham:* La klubo sufiĉe bone progresas. Kelkaj novaj membroj aliĝis, kaj la ekskursoj bone funkcias. Nia lingvo estos enkondukata en la vintran programon de la „Birmingham and Midland Institute". — *Leicester:* La proksima konferenco de la Midland-Federacio tie okazos la 11 septembro. — *London:* Propagandaj kunvenoj okazas dimanĉe en Finsbury Park. Ili estas tre sukcesaj. Oni disdonas kaj vendas multe da propagandiloj. Kelkaj konataj samideanoj faras paroladojn kaj altiras la scivolon de sufiĉe granda homamaso. La jara festo de la Croydon-grupo bone sukcesis. La grupo de Tufnell aranĝis agrablan ekskurson al Hendon; ĝi lastatempe disdonis milojn de propagandiloj en Norda Londono. — *Spen Valley:* La grupanoj, kun belgaj kaj Huddersfieldaj samideanoj faris agrablan ekskurson al Kirklees Park.

## Danujo.

*Odense:* La 10—11 julio okazis la sepa ĝenerala jarkunveno de la Centra Dana Esp. Ligo. F-ino Rybo prezentis la laborraporton. La kunveno decidis unuvoĉe daŭrigi la eldonon de Esperanto-Raporto dum 1916. Post la kunveno sekvis ekskurso kaj vespere festeto kun komuna manĝado kaj vere interesa koncerto.

## Francujo.

*Nice:* La Katolika Esp. Grupo fermis siajn jarkursojn; 7 kandidatoj por la supera diplomo; ĉiuj sukcesis. Vivado daŭrigos dum somero per ĉiuvendredaj kunvenoj. — *Paris:* La Parizaj samideanoj kunvenas ĉiulunde je 8½ h. ĉe la Centra Oficejo Esp., 51, rue de Clichy. Ĉiuj estas invitataj. Tie alcentriĝas novaĵoj de forestantoj.

## Germanujo.

*Zittau:* La kvaronjara amika kunveno de la Esp-istoj de orienta Saksujo kaj de norda Bohemujo kaj Silezio okazis la 4—7 julio kaj estis tre interesa. Krom multaj samideanoj el Reichenberg veturis ankaŭ du konataj blindaj Esp-istoj: S-ino baronino Zapater de Chalmot, el Köln, kaj S-ro K. Bruck, el Prag. S-ro O. König, Del. Zittau, faris aplaŭditan paroladon pri la valoro de Esp. post la milito. Li substrekis la postmilitan utilon de UEA por la religo de la internaciaj rilatoj. S-ro Scholze, el Reichenberg, laŭde parolis pri la servoj de UEA, kaj S-ino Zapater de Chalmot interesige parolis pri la mondlingvo de la blinduloj.

## Hispanujo.

*Tarragona:* Okazis Esp. ekspozicio aranĝita de Tarragono Esperantista kaj Tarragono Katolika. Ĉe la malfermo ĉeestis L. M. la arĥiepiskopo, la urbestro kaj urbkonsilantoj.

## Nederlando.

*Harderwijk:* S-ro Bonabo malfermis la trian kurson ĉe la belga internigejo; ĉeestas ĉirkaŭ 80 personoj. Jam multaj belgaj internigitoj skribas kaj parolas nian lingvon. Esp. Grupo stariĝis sub la titolo: Espero, Paco, Progreso, konsistanta el 17 komitatanoj kaj proksimume 50 membroj. Honora Prez.: G. Van Heek. Estraro: Prez.: H. Bonabo; Vicprez.: A. Turc; sekr.: H. Demeersseman; helpsekr.: La Gravièse; kas.: M. Vezaeghen; helpkas.: J. Dnaes. Adreso de la grupo: Henriko Demeersseman, bloc 5, Harderwijk (camp.). Ĉe festo okazinta en tendaro, la komandanto G-lo Loke gratulis la grupon pro ĝia bona organizado; fruktodona propagando estis farita je tiu okazo.

## Portugalujo.

*Lisbono:* Ĉe la Lisbona Esp. Grupo efektiviĝis la 13 julio propaganda kunveno, ĉe kiu paroladis S-roj R. Horner pri „La supereco de Esp. kiel internacia lingvo" kaj S-ro Martins d'Almeida pri „Esp. kiel pacigilo". Multaj gazetoj raportis pri tiu kunveno. La 16 julio la gazeto „Diario de Noticias" publikigis bonan artikolon pri la situacio de Esp. antaŭ la milito.

## Svisujo.

Komunikaĵo de la Prezidanto de S. E. S.: La nova estraro de la Svisa Esp. Societo konsistas el: D-ro R. de Saussure, prezidanto, S-ro J. Perlet, sekretario-kasisto kaj F-ino L. Häberli, 2ª sekretario. La nova prezidanto fondis centran oficejon en Bern (10, Hotelgasse). Tiu oficejo estas nun funkcianta kiel centra laborloko por S. E. S. kaj por la propagando de Esperanto en tuta Svislando. Ĉiu persono, kiu deziras doni aŭ ricevi informojn pri la movado Esperantista en nia lando, aŭ pri Esperanto ĝenerale, estas petata sin turni al tiu centra oficejo. Nun estas la tempo vekiĝi kaj reorganizi niajn naciajn fortojn por esti pretaj, kiam la milito ĉesos. — *Lugano:* En tiu italsvisa urbo, kiu ĝis nun nenion sciis pri Esp., komencis movado. Per la senlaca laboro de S-ro F. G. Isella fondiĝis grupo kun 10 membroj kaj okazas kurso kun 12 lernantoj.

## Argentino.

*Bahia Blanca:* Ĉe la Teatro Colon okazis, kun la ĉeesto de la konsulaj kaj lernejaj aŭtoritatoj, grava vesperfesto por festi la 28an datrevenon de la publikigo de la unua Esp. lernolibro.

## Brazilujo.

*Campinas:* D-ro J. Kieting gvidas kurson en „Instituto Cezario Motta", kies direktoro li estas. — *Mossoró:* S-ro Targino Soares malfermis kurson en la gazeto „A Escola"; li intencas starigi grupon kun la helpo de „Komiza Unuiĝo" kaj fari kurson. — *Pelotas:* S-ro José P. Franz propagandas per artikoloj en la semajna gazeto „A Lanterna". — *Rio de Janeiro:* Per dekreto N-ro 11,520 de la 10 marto, la Nacia Telegrafo akceptis Esperanton inter la klaraj lingvoj telegrafe uzeblaj sen supertakso. La gazeto „A Trombeta" malfermis tre interesan konkurson kun belaj premioj inter Esp-istoj. Diversaj gazetoj publikigis favorajn artikolojn. S-ro Arminio de Moraes malfermis kurson ĉe la Federacio Spiritista. — *Santos:* S-ro Clarindo Gonçalves gvidas kurson ĉe la sidejo de la Akademio de Komerco; S-ro Luiz Paes faras privatajn kaj korespondadajn kursojn. — *Sergipe:* Estas remalfermitaj la kursoj sub la aŭspicioj de la „Esp. Klubo de Aracaju". — *Uberaba:* Nia fervora samideano, S-ro Zozimo Lima, intencas starigi grupon.

## Usono.

*Astury Park* (N. Jer.): La Esp-istoj el tri ŝtatoj, New York, New Jersey kaj Pennsylvania, ekskursis al tiu somera loko; 40 delegitoj el 12 lokoj ĉeestis. La sukceso estis plena, kaj oni decidis aranĝi pluajn ekskursojn. — *Berkeley* (Calif.): La loka grupo gvidas tri kursojn; multaj gejunuloj jam interesiĝas. — *Eugene* (Ore.): Grupo organiziĝis; la gazetaro favore raportas. — *Hoboken* (N. Jer.): Per la aktiveco de S-ro P. J. Doyle, la multaj lokaj Esp-istoj organiziĝas en grupon. — *Portland* (Me.): La Rondo de gejunuloj aranĝis bonegan vesperfeston; S-ro Herbert Harris prezentis la diplomojn al la sukcesaj kandidatoj, kiuj atingis la atestojn de la nacia Asocio. — *San Francisco* (Calif.): Ĉe la ekspoziciejo, S-roj Gorham, Palmer kaj Baker gvidas du kursojn, kiuj konsistas el gvidistoj kaj gardistoj.

## Aŭstralio.

*Melbourne:* La Klubo regule kunvenas ĉiusemajne kaj aŭdas ĉiufoje paroladon aŭ komedieton.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Oficiala Jarlibro 1916.** — Ni havas la plezuron anonci al niaj membroj, ke, malgraŭ la nunaj cirkonstancoj, ni intencas aperigi la Oficialan Jarlibron de UEA por 1916, en iom malpli granda amplekso ol je normalaj jaroj. Ĝi enhavos la plenan adresaron de niaj reprezentantoj, detalajn klarigojn pri la organizo kaj agado de UEA, kaj informojn pri la diversaj helpinstitucioj, kiujn naskis la militnecesaĵoj. Ni petas, ke oni bonvolu tuj de nun komuniki al ni la nom- kaj adresŝanĝojn en la listo de la Delegitoj. En la lokoj, kie la Del. estas mobilizita, ni enskribos ankaŭ la nomon kaj adreson de la provizora anstataŭanto.

Pro la militstato ni *ne* povas akcepti aliĝojn de ne-esperantistaj Entreprenoj, nek mendojn de anoncoj el la *militantaj landoj*. El la aliaj landoj ni kiel kutime akceptas reklamojn laŭ la jena rabatita tarifo:

1 paĝo = 30.— Frankoj  1/4 paĝo = 7.50 Frankoj
1/2 » = 15.— »  1/8 » = 4.— »
2 linioj = 1.50 Frankoj.

**Transsendado de leteroj al okupitaj regionoj.** — Responde al diversaj demandoj pri la ebleco transsendi leterojn al la landpartoj okupitaj de malamikaj armeoj, ni povas komuniki la jenajn informojn:

*Aŭstrio:* Por la parto de Galicio okupata de la rusaj armeoj, transsendo nun neebla. Por la landpartoj okupataj de la italaj armeoj, la transsendo estas ebla por la ĉefaj lokoj.

*Belgujo:* Leteroj transsendeblaj nur al la jenaj urboj: Antverpeno, Bruselo, Hasselt, Liége, Verviers, Welkenraedt. Krom je la cititaj urboj, ni povas fari informpetojn per poŝtkartoj, sed nur pri lokoj ne estantaj ĉe la batallinio.

*Francujo* (okupitaj departementoj): Transsendo neebla.

*Germanujo:* Por la parto de *Elzaco* okupata de la francaj armeoj, la transsendo estas ebla, krom se la lokoj estas ĉe la batallinio. Por la *germanaj kolonioj*, oni akceptas korespondaĵojn nur por la insuloj Carolines, Palaos, Mariannes kaj Marshall (tra New York) kaj por la okupataj partoj de Kamerun kaj Togoland (tra Liverpool).

*Polujo:* Leteroj transsendeblaj nur al la jenaj urboj: Bendzin, Czenstochowa, Kalisch, Kolo, Konin, Pabianice, Sieradz-Wielun, Wloclawek.

Pro la specialaj cirkonstancoj ĉia transsendo estas farata sen garantio. La leteroj devas esti nefermitaj kaj legeble skribitaj, sen ia politika aŭ militista informo. Aldoni du internaciajn respondkuponojn je ĉiu sendaĵo.

**Kotizaĵoj por 1915.** — Je la 31 julio estis enkasigitaj 2366 kotizaĵoj (el kiuj 118 subtenantoj kaj 144 dumvivaj membroj). — *Esperantiaj Entreprenoj:* 101.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato julio:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 2,138 | 5,313 |

*Tuta sumo:* 7,441. (Antaŭa monato: 5,465.)

**Novaj Delegitoj.**

*Bordj-Menaïel* (Alĝerio). — D.: S-ro Julio Laguna, tajloro.
*Groningen* (Nederlando). — D.: S-ro Guillaume Nivard, komerca vojaĝisto, Oude Weg 2.
*Jičin* (Aŭstrio, Bohemujo). — D.: S-ro Miloš Lukáš, studento, Čelakovského ul. 85.
*Soerabaia* (Nederlanda Indio, Java). — D.: S-ro S. J. Ysselstein, instruisto M. U. L. O. School.
*South Brisbane* (Aŭstralio, Queensland). — D.: S-ro Philip Walter Pears, polica juĝisto.
*Totjma* (Rusujo, Vologodska gub.). — D.: S-ro Nikolao Rishkov, Lesnaja ŝkola.
*Vendrell* (Hispanujo, Tarragona). — D.: S-ro Francisko Guitart Jené, komercisto, Plaza Doctor Murillo 7.

**Ŝanĝoj.**

*Palma de Mallorca* (Hispanujo, insulo Mallorca). — D.: Juan Aguiló Valenti, advokato, Misión 4. — VD.: S-ro Francisco Barceló, advokato, San Miguel 142.
*München* (Germanujo, Bavarujo). — Pro mobilizo de la Del. oni sin turnu al lia anstataŭanto: S-ro Hans Koch, Gebsattelstrasse 22, I. r.

*Provizore ne plu estas Delegito en jenaj regionoj:*
*Bassein* (Hindujo); *Ipswich* (Queensland); *Kursk* (Rusujo); *Langnau* (Svisujo); *Tanger* (Maroko); *Thun* (Svisujo).

**Adresŝanĝoj.**

*Beaune* (Francujo, Côte d'Or). — VD.: S-ro J. Pion-Muller, route de Challanges.
*Dorking* (Anglujo). — D.: S-ro J. S. Avent, dentmekanikisto, 19, Myrtle Road.
*Folkestone* (Anglujo). — D.: S-ro A. P. Southee, „Edgecumbe", 15, Limes Road.
*Hull* (Anglujo). — D.: S-ro Albert E. Hepton, 89a, Grafton street.
*Sofia* (Bulgarujo). — D.: S-ro St. Minkov, Mekanikoteknika Lernejo, Nichka ul. 77.
*Tarragona* (Hispanujo). — VD.: S-ro J. Vidal, calle Caballeros, 4.
*Verona* (Italujo). — D.: S-ro Amerigo Reni, via Fracastoro (di fianco alla Chiesa) 4.

# La agado de UEA dum la milito

*Raporto prezentita de la Direktoro de UEA al la dek-unua Kongreso de Esperanto*

III

Kiam, sub la kritika rigardo de dubema publiko, la tutmonda samideanaro kunvenos la unuan fojon post la milito, multo dependos de tio, ke oni evitu ĉion, kio povus eksciti la naciajn pasiojn. La danĝero, kiu ekzistos malgraŭ la nedubebla bonvolo de la partoprenontoj, estos forigebla per aranĝo en neŭtrala lando, per lerta kaj energia gvidado, kaj ĉefe per plenumo de serioza laborprogramo. Kiel el la ŝtataj interrilatoj unue refunkcios la teknikaj servoj, kiel poŝto, telegrafo kaj transportoj, tiel same la modestaj servoj de UEA estos la unua regula peradilo inter la Esperantistoj.

Nian estontan agadplanon ni ne povas precize difini, ĉar ĉio dependas de okazontaĵoj, kiuj trudos al ni siajn necesaĵojn. Ĉiuokaze ni energie daŭrigos nian taskon: Helpi al la militviktimoj, starigante la servojn, kies oportunecon montros la cirkonstancoj; konservi internan ordon — bazo por nia posta progreso — kaj prepari nin por tiu tempo, kiam, liberigite je la militmonstro, ni povos rekomenci metodan agadon sur la internacia kampo. Ni jam de nun povas anonci, ke ni aperigos novan Jarlibron por 1916, adaptotan al la cirkonstancoj. Tiel restariĝos plia ligilo kun niaj membroj.

Kiom ajn daŭras la milito, ni Esperantistoj ne devas perdi kuraĝon. Por tiaj sentoj estas nenia kaŭzo. La nunaj abomenaĵoj altiris ĉies atenton je la problemo de la internaciaj rilatoj. El tiu intereso, kiun pliakrigas tiom da suferoj, profitos nia afero, kiu ne povas esti flankelasata en la postaj rekonstruoj. Kiam venos la pacmomento, tiam estos alveninta la tempo por nia milito. Ni estu *pretaj*. Venos *nia* horo.

*H. Hodler.*
Direktoro de UEA.

*Aneksaĵo 1*

## Noto pri la stato de la Esperanto-movado laŭlande

**Aŭstrio-Hungario.** — La gazeto „*German-Aŭstria Esperantisto*" devis interrompi sian aperon. La bohemaj Esp. gazetoj ankaŭ. Tamen, kursoj okazas en kelkaj urboj, kaj artikoloj ofte aperas en la bohemaj ĵurnaloj. En Hungario la „*Verda Standardo*" daŭrigas aperi. Okaze de la okupo de Galicio multaj servoj estis faritaj de UEA dum la vintro.

**Britujo.** — „*British Esperantist*" aperis regule, kiel kutime. La Esperantista vivo ŝajnas ne multe influata de la milito. Kunvenoj, kursoj, festoj, okazas kiel kutime. La Brita Esp. Kongreso en Bath, kune kun la Belga Esp. Kongreso, bone sukcesis. Per monkolekto la Britaj Esperantistoj donacis du aŭtomobilambulancojn „Esperanto" al la belga Ruĝa Kruco.

**Francujo.** — La gazetoj momente neaperis. En vintro denove eliris la „*Bulteno de S. f. p. E.*", „*Bulletin d'Information Espérantiste*", „*Paris-Esperanto*", kaj „*Le Monde Espérantiste*". La Esp. agado interrompita dum la unuaj militmonatoj plivigliĝis en la vintro. La kursoj daŭrigas en kelkaj urboj. Ankaŭ en la tranĉeoj Esperanto trovis interesulojn. Komitato nomita: „Por Francujo per Esperanto," eldonis serion de Esperantaj dokumentoj pri la militdemandoj. El tio sekvis multaj artikoloj en la gazetoj.

**Germanujo.** — „*Germana Esperantisto*" aperas ĉiumonate. En multaj urboj okazis kursoj kaj paroladoj kiel kutime. Ĉe kelkaj kaptitejoj estis aranĝitaj kursoj (en Zossen nia lingvo estas akceptata por la korespondado kun la kaptitoj). Aperis diversaj Esperantaj dokumentoj pri la milito, i. a. „*Internacia Bulteno*", monata gazeto eldonata en Berlino. Tio vekis intereson en oficialaj rondoj kaj kaŭzis multajn gazetartikolojn eksterlande. Fondiĝis entrepreno por la prizorgo de la german-internaciaj interesoj sub la titolo „Germana Esperanto-servo".

**Italujo.** — „*L'Esperanto*" daŭrigis aperi. Antaŭ la milito la movado estis sufiĉe vigla ĉe kelkaj regionoj. La Katedro de Esperanto aperigis artikolojn pri la servoj de UEA, kiuj estis uzitaj ankaŭ en tiu lando.

**Rusujo.** — Regule aperas la „*Ondo de Esperanto*". „*Pola Esperantisto*" estas interrompata. Kursoj, kunvenoj daŭrigas en kontentiga maniero. Ĉe kelkaj Siberiaj kaptitejoj Esperantistoj propagandas.

**Neŭtralaj landoj.** — En Hispanujo la propagando daŭrigas. „*Kataluna Esperantisto*" aperas, kaj Kataluna Esp. Kongreso okazos dum aŭtuno.

En Nederlando regule eliras „*Holanda Pioniro*". Esperanto estas instruata ĉe belgaj internigejoj kaj al nederlandaj soldatoj. La nederlanda kontraŭmilita ligo eldonas dokumentojn en Esperanto.

En Danujo la Delegito de Kopenhago faris multajn servojn. *Esperanto-Raporto* aperas, kaj landa kunveno okazis en Odense.

En Svedujo „*La Espero*" fariĝis ankaŭ la organo de la Norvegaj Esperantistoj. En kelkaj urboj la movado estas vigla.

En Svisujo „*Svisa Espero*" aperas. La grupoj daŭrigas sian agadon. La estraro de la Svisa Esp. Societo reorganiziĝis.

En aliaj landoj, speciale el Balkanŝtatoj, ni havas nur malmultajn informojn.

**Ekster Eŭropo.** — En Usono la gazeto „*Amerika Esperantisto*" regule aperas kaj raportas pri vigla agado en la diversaj partoj de la lando. Pro la tie okazonta Kongreso, la ekspozicio de S. Francisko (Esperantia Entrepreno) eldonis belan Faktlibron pri Kaliforniaj interesaĵoj.

En Argentino kelkaj kursoj.

En Japanujo aperas „*Orienta Azio*" kaj fondiĝis grupoj. Pri aliaj landoj nenio speciale raportinda.

*Aneksaĵo 2*

## Movado de la korespondaĵoj dum la milito ĉe la Centra Oficejo de UEA

| | | | |
|---|---|---|---|
| Aŭgusto 1914 | 269 | Januaro 1915 | 13,638 |
| Septembro | 1,317 | Februaro | 13,230 |
| Oktobro | 3,114 | Marto | 9,477 |
| Novembro | 7,664 | Aprilo | 7,363 |
| Decembro | 14,395 | Majo | 5,885 |

Speciala statistiko pri la servoj de la Delegitoj ne povis esti ankoraŭ farita.

# Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Robert Bollack,** el Paris, membro N-ro 4385 kaj Subdel. S-ro Robert Bollack estis tre sindonema propagandisto kaj fervora amiko de UEA.

**J. A. Bordes,** el St-Chamond.

**Eugène Bourreau,** el Paris, membro N-ro 7736.

**A. R. Chaigné,** filo de S-ro E. Chaigné, en St-André de Culzac (Gironde).

**A. Dupuis,** el Gipoy (Allier), membro N-ro 6272.

**Hans Grosse,** el Radebeul, Oberlössnitz.

**D-ro E. Kröber,** el Leipzig, membro N-ro 4061.

* * *

Ni kun ĉagreno eksciis la morton de nia fervora Brusela samideanino **Fraŭlino Moreau,** kiu jam de longe estis sindonema propagandistino kaj multe laboris por nia afero en Belgujo. Fraŭlino Moreau mortis en Bruxelles la 5 aprilo.

Ni ankaŭ estis informitaj pri la morto de fervora ĥina propagandisto, **S-ro Sifo,** fondinto de la Esp. grupo en Kanton (Ĥinujo) kaj Vicdelegito de UEA. Ni eltiras la jenajn informojn pri tiu sindonema samideano el la biografiaj notoj de S-ro K. Ĉ. San en la „*Voĉo de la Popolo*" (ĥina Esperanta gazeto): „S-ro Sifo estis kuraĝa, tolerema, decidema kaj diligenta. Li eldonis „La Voĉon" kun nenia monrimedo kaj malmultaj kunlaborantoj. Li do samtempe estis redaktoro, administristo kaj presisto, sed nenion li timis. Cetere li estis malsanema; tial, kiam ĉiu numero de „La Voĉo" aperis, senescepte li malsaniĝis. Ĝis kiam iom li estis resaniĝanta li laboris ree kiel antaŭe. Kompreneble per tio li konsumis sian junan vivon. Kiam li malsaniĝis, la malriĉeco ne permesis venigi kuraciston. Oni petis, ke li vendu la presmaŝinon („La Voĉo" estis propramane presita). Sed li rifuzis, pretekstante ke tiu ĉi maŝino preskaŭ estas la sola vivfonto de nia ideo en Oriento. Estus malutile por savi unu personon vendi ĝin. Pli poste per helpo de amikoj li estis en hospitalo, sed ho ve! tro malfrue, la malsano estis senrimede forigota, kaj je la 27 marto 1915, dekan matene, S-ro Sifo forlasis la teran vivon 31-jaran."

# Esperantistaj militkaptitoj

*Naŭa listo*

*Bucek, Franz,* el Bodenbach (Aŭstrio), en Rusujo (loko nekonata).
*Cotelle Horace,* el Francujo, Baracke 1, Sennelager.
*Delnoy, Théodor,* el Belgujo, 26a Inf.-Reg., baraque 49, Harderwijk (Nederlando).
*van Driessche, René,* el Belgujo, Baraque 15, Camp. 2, Zeist (Nederlando).

*Gourmand, Henri,* el Francujo, Baracke 59—5, Lager Grafenwöhr.

*Jankowich, Koloman,* el Garnizono Przemysl, Perowsk Oblast Syrdarinski (Turkestano).

*Koess, Carl,* el Germanujo, civilkvaptito, ile S-te Marguerite apud Cannes (Francujo).

*Laudrèat, Gaston,* el Francujo, Lager Hesepe bei Brausche, Osnabrück.

*Mondini, H., D-ro,* el Stenico, internigita en Katzenau bei Linz (Aŭstrio).

*Nagy, Mikloŝ,* el Budapest, Cupria (Serbujo).

*Servais, Joseph,* el Givet, 4ª K-io, 5ª grupo, Rastatt (Baden).

*Steiger, Josef,* el Bohemujo, Ivanovo-Voznesensk (Vlad. gub.).

*Suray, Odon,* el Belgujo, Harderwijk (Nederlando).

* * *

S-ro *Ulric Moulin,* el Levallois-Perret, 24ª Reg. Inf., 8ª Komp., malaperis apud Arras.

Ĉiujn ajn informojn pri tiu malaperinto oni bonvolu komuniki al la C. O. de UEA.

* * *

Ni petas, ke oni bonvolu kompletigi tiujn listojn, sendante al ni la nomon kaj adreson de la militkaptitaj Esperantistoj, kies adreso estas konata.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.*
PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.*

BERLIN-RUMMELSBURG (Germanujo). — S-ro A. Belz, Schillerstrasse 34, PI (bfl, kun ĉiuj landoj).

BLAGOVEŜĈENSK NA AMUR (Siberio). — S-ro V. N. Kosicin, Ĉigirinskaja 3.

BOJITZA (Bulgarujo, Bosiligradsko). — Leŭtenanto D. Guenoff, PI (kun ĉiuj landoj; dez. ricevi diversajn gazetojn).

BOURG-LA-REINE (Francujo, Seine). — F-ino A. Le Quellec, 14bis, Ave. Galois, PI.

DELPHOS (Usono, Ohio). — S-ro Julian E. East, L, PI (kun ĉiuj landoj).

HARDERWIJK (Nederlando). — S-roj Joseph Libois, Brig. d'Artil. B. 18 kaj Marius Verhaegen, 6e volontaires B. 17, Camp de Harderwijk, L (kun ĉiuj landoj, precipe kun junaj francaj fraŭlinoj).

LEVANGER (Norvegujo). — S-ro Alf. Gjemble (kun ĉiuj landoj).

LEVANGER (Norvegujo). — S-ro Petter Rian (kun ĉiuj landoj).

PHILADELPHIA (Usono, Pa.). — S-ro D-ro A. A. Jones, 1810, Jefferson str., L, PK (kun ĉiuj landoj).

ST-GENIS-LAVAL (Francujo, Rhône). — S-ro Ch. Despeyroux, PM (kun eksterlandaj kolektistoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

EN LA ĈEFURBON DE MIA PATRUJO! — Koran saluton al miaj karaj amikoj sendas E. Urban. Kiu el vi bonvolus transdoni la plej sincerajn salutojn al mia amata fratino, S-ino Haŝlerova, Konviktská ul. 8. Mi vivas kontente en la lando, kie mi troviĝis dum la antaŭmilita periodo. Se eble sendu al mi korespondaĵon en la C. O. de UEA. Erb. Urban, Sables d'Olonne (Franc.).

ESPERANTAJ MARKOJ. — 850 diversajn Esperantajn markojn de mi eldonitajn mi vendas por 3,50 Sm. 85 diversajn desegnojn en 10 malsamaj koloroj, kolekton de la 85 diversaj markoj, ĉiuj en sama koloro mi sendos kontraŭ 0,60 Sm. Konto ĉe la Ĉekbanko. S-ro J. Amades, Peu de la Creu 10, Barcelona (Hispanujo).

RESTADO EN FRANCLANDO. — Studentoj-samideanoj dezirantaj komfortajn ĉambrojn, familiajn manĝaĵojn, Esperantian akcepton, francan interparoladon, pianon, ĉiuspecajn leglibrojn, malnovajn, modernajn, klasikajn, fremdajn, skribu al S-ino Henriet-Nolotte, 33, strato Chabot-Cha ny, Dijon (Francujo).

SWEDENBORG. — Oni bonvolu sciigi al la suba adreso la adresojn, ĉu de Esp-istoj, ĉu de neesp-istoj, kiuj konfesas la religion de Nova Eklezio pritraktata de sveda scienculo kaj apostolo de Nova Kristaneco Emanuel Swedenborg, por ke mi povu komenci laboron pri la Tutmonda Nov-Eklezia adresaro. Jar. Em. Janeĉek, Praha-Král Vinohrady 1021 (Bohemujo).

TERMEZURISTAJN INSTRUMENTOJN KAJ ILOJN de plej bona kvalito rekomendas: Ehnisa Entrepreno Esperantista, 105, Hawthorne str., Brooklyn N. Y. (Usono).

# La Tutmonda Krucmilitiro de la 20ª Jarcento

## por efektivigi, ke tiu ĉi estu la lasta milito

*Mi ĝis lim' de vidopovo enrigardis l' estontecon,*
*Jen vizioj de la mondo kaj venontaj mirindaĵoj,*
*Jen ŝipetoj sur ĉielo pasis kun magiaj veloj,*
*Jen sur teron ili metas komercaĵojn multekostajn;*
*Jen aŭdiĝis kriadbruo kaj pluvgutis ros' de l' morto*
*De l' aeroŝipoj batalantaj meze de la bluo;*
— — — — — — — — — — — — — —
*Ĝis silentis tamburado, kaj batalflagar' faldiĝis*
*En la Parlament' de l' Homo, la Federaci' de l' Mondo.* Tennyson.

Kiu neos, ke la glora poeto, Tennyson, die inspiriĝis, kiam li antaŭdiris: „La Parlament' de l' Homo, la Federaci' de l' Mondo".

Lia profetaĵo estas des pli rimarkinda, ke li antaŭvidis, antaŭ ol la homoj lernis la flugarton, ke homoj portus sian senhumanecon efektive al la pordoj de la Ĉielo mem — kiel atestas la cititaj versoj.

Lia profeta animo ankaŭ antaŭvidis la tempon, kiam „silentis tamburado, kaj batalflagar' faldiĝis en la **Parlament' de l' Homo, la Federaci' de l' Mondo.**"

Kaj tiu Federaci' de l' Mondo por la Paco jam estas proklamata de la „Civitanoj de l' Mondo", kiu iniciatis *tutmondan krucmilitiron por efektivigi, ke tiu ĉi estu la lasta milito.*

Kiam la lasta parto de la profetaĵo de Tennyson plenumiĝos, tiam la Homaro povos soleni sian veran maturiĝon. Ni jam estas en la 20ª jarcento de la Kristana Epoko. Ĉu la 21ª vidos la realiĝon de la Ĉielo de Paco sur la tero?

Ĉu la Milito estas la ĥirurgio de Dio, per kio la homo devas suferi sangelperdon, ĝis kiam li kredu, ke **„ĉiuj, kiuj glavon prenas, per glavo pereos"?**

Ĉiu leganto povas ludi la noblan rolon de kunbatalanto en la Krucmilitiro por efektivigi, ke tiu ĉi estu la lasta milito, kaj fari ĝin per la edukada metodo, ŝanĝi la korojn de homoj unu al alia.

Eminentaj pensuloj jam signifis sian simpation kun la laboro de la „Civitanoj de l' Mondo". Aliaj legantoj, kiuj simpatias kun la nobla celo, efektivigi, ke tiu ĉi estu la lasta milito, devas legi la rimarkindan broŝuron eldonitan de la „Civitanoj de l' Mondo".

Malmultaj povas legi tiun ĉi elokventan verkon sen deziro antaŭenigi la movadon ĝis: „la Parlament' de l' Homo, la Federaci' de l' Mondo".

Precipe ĝiajn elokvente emociigajn vortojn ŝatos tiuj, for de kiuj la Milito jam forprenis parencojn kaj karulojn. Al tiuj la „Civitanoj de l' Mondo" donas la oportunan okazon por realigi la noblan celon de tiuj, kiuj oferis siajn vivojn aŭ vundiĝis ĝis morto.

Ekzemplero de la broŝuro de la „Civitanoj de l' Mondo" en Esperanto estas havebla senpage kaj afrankite al ĉiu leganto de tiu ĉi gazeto, kiu ĝin petos al

**La „Civitanoj de l' Mondo",**
Tom-na-Monachan, **Pitlochry,** Skotlando.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO